9-a jaro. — N-ro 1-2 (95-96) Jan.-Feb 1923.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1923

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

| | |
|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | fr. 5.— |
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. 50.— |

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
LEON SCHEERDERS, industriisto, St. Nicolaas (Waes).
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, ĥemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

## Oficiala Organo de la Ligo

## "BELGA ESPERANTISTO"

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Verdaj kovrilpaĝaj : samaj prezoj + 150 0/0.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan. 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.
Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA ĜENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpeno Grupo Esperantista: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstraat.
» La Verda Stelo, S-roj E. De Coster, M. Jaumotte.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.
Boom: Grupo Esp., J. Clerbaut, Groenhofstr..
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent.
C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Lokeren: La Durma Stelo, S-ro A. Roels, Bergendries 28.
Mechelen: Grupo Esperantista Axel Baesens, Statiestraat, 16.
St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy.
J. Herion, rue des Raines, 8.

9a JARO JAN.-FEB. 1923 No 1-2 (95-96)


# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto: | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen | 15, Avenue Bel-Air, Uccle |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## Al la Abonantoj

Nia nuna kajero aperas kun granda prokrasto, malgraŭ tio, ke ni faris ĉion necesan, por ke ĝi ĝustatempe estu inter viaj manoj.

La kaŭzon, do?

La grupoj, aŭ almenaŭ granda parto de ili, ne sendis al ni sufiĉe frue, kaj eĉ ĝis nun ankoraŭ ne sendis la nomaron de siaj abonantoj.

La grupestraroj, kiuj estas respondaj pri tio, komprenu do unu fojon por ĉiam, ke presado de revuo estas nuntempe multekosta afero, ke ni ne povas blinde komenci novan jaron, nekonante la rimedojn per kiuj ni povos senriske atingi la finon de la nova periodo.

Dank'al NUR UNU SINDONA SAMIDEANO, kiu prenis sur sin la eblan deficiton de la gazeto, ni kapablas ekentrepreni la eldonon de la kolekto 1923.

Ĉu la Belgaj Esperantistoj akceptos tiun novaĵon tute trankvile, aŭ ĉu ĉiu el ili prenos sian parton de la respondeco en la organizo de nia komuna movado?

Ni atendas kun plena fido ilian decidon!

B. E.

## XIIa BELGA KONGRESO ESPERANTISTA — NAMUR 20—21 MAJO 1923

Ni havas la plezuron informi la esperantistaron ke la XIIa belga kongreso okazos la nunan jaron en Namur la 20-21an de majo (Pentekosto).

La Estraro de la «Belgo Ligo Esperantista» sin okupas ageme pri ĝia organizado kaj faras varman alvokon al ĉiuj grupestroj kaj izolitaj gesamideanoj, por ke ili bonvolu de nun fari propagandon por la sukceso de tiu kongreso des pli ĉar ĝia organizado estas iom malfacila pro manko en Namur de organizita grupo.

La ligestraro esperas ke la elekto de Namur, belega urbo lokita meze de plej pentrinda regiono plaĉos al ĉiuj kaj ke niaj belgaj samideanoj faros al si plezuron ĉeesti la kongreson, kiu promesas esti tre agrabla.

Por la aliĝoj kaj ĉiuj informoj oni estas petata sin turni al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo: Sro. Henri Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent, 60, Boulevard St. Liévin, Gand.

Oni sendu al la sama adreso la proponojn por la Ĝenerala Kunveno.

**Pri la Loĝado dum la Kongreso.**

Ni insistas speciale pri tio, ke, dum la Pentekosta libertempo, la loĝado en Namur estas tre **malfacila.** Sed, dank'al la klopodoj de nia Liga Sekretario, ni havos sufiĉe da ĉambroj por loĝigi ĉiujn kongresanojn, **kondiĉe ke ĉi tiuj mendu ilin tuj.**

Ĉiu kongresano, kiu ne persone prizorgos sian loĝejon, **ne atendu unu tagon pli** por skribi al S-ro H. Petiau, St. Lievenlaan, 60 Boulevard St. Liévin, Gento.

Por faciligi la loĝadon, estas tre dezirinde, ke oni ne estu tropostulema, kaj ke oni dormu duope en unu lito. La kostoj estus cetere pli malaltaj.

---

# Belga Ligo Esperantista

## Cirkulero al la membroj

### XIIa BELGA KONGRESO ESPERANTISTA

Estimata Samidean(in)o.

Ni havas la honoron sciigi al vi, ke la venonta XIIa Belga Kongreso okazos en NAMUR la 20-21an de majo proksima (Pentekosto).

Namur, estante urbo tre bela, lokita meze de plej pentrinda regiono certe allogos ĉiujn niajn gesamideanojn tiom pli ke la organiza Komitato nenion preterlasos por aranĝi agrablan kongreson. Sed kongreso ne estas nur amuzaĵo sed precipe propaganda afero kiun ĉiu vera esperantisto devas ĉeesti.

Ĉar ne plu ekzistas organizita grupo en Namur la Ligestraro prenis sur sin la malfacilan taskon organizi la kongreson kun la helpo de kelkaj Namuraj Samideanoj. Se oni do volas ke la kongreso bone sukcesu, estas nepre necese, ke ĉiu kunhelpu. La plej bona maniero estas tuj sendi sian aliĝon!

**PROVIZORA PROGRAMO**

**SABATON.**

20 h. Akcepto de la kongresanoj en la Akceptejo.

20 ½ h. Kunveno de la Ligestraro en «Hôtel Saint Aubin».

**DIMANĈON**

10 h. Kunveno en la akceptejo: «Namur-Palace», kontraŭ la stacidomo.

10 ½ h. Oficiala akcepto en la urbdomo.

11 h. Ĝenerala Kunveno de «Belga Ligo Esperantista» en la urba teatro. Fotografado de la kongresanoj.

13 ½ h. Festeno en «Hôtel du Midi», rue Godfroid (Stacidomo). Vizito de la urbo.

17 h. Rondirado de la «Citadelle» per rezervitaj tramveturiloj.

20 h. Propaganda festo.

LUNDON.

Matene: Forveturo per fervojo al Dinant, Rochefort, vizito de la grotoj de Han kaj aliaj ekskursoj.

Vespere: Reveturo de Dinant al Namur per vaporŝipo.

---

Ĉar Namur estas tre vizitata dum Pentekosto, ni varme rekomendas al la personoj, kiuj deziras rezervigi al si ĉambron TUJ ĝin mendu ĉar post la fino de aprilo la organiza Komitato ne plu povos garantii la loĝadon. Ĝi povas havigi ĉambrojn de 5 ĝis 10 frj. k. p.

La kongreskarto kostas 5 frj.

La festeno kostas 15 frj.

Por ĉiuj informoj pri la kongreso oni sin turnu **ekskluzive** al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo Sro Henri Petiau, al kiu oni sendu ĉiujn aliĝojn kaj la monon al lia ĉekkonto. No 37.277.

Ni do nepre kalkulas je via kunhelpo kaj atendante vian baldaŭan aliĝon, ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

**Je l'nomo de la Ligestraro:**

La Ĝenerala Sekretario. — La Prezidanto.
Henri Petiau — A. J. Witteryck.

# Belga Kroniko

GENTO. — «Genta Grupo». — Nova kurso komenciĝis en la Universitato la 10an de januaro.

«La Progreso». — 2-12-22. — F-ino. A. Colyn faris agrablan paroladon pri «Kvin tagoj en Ardenlando». Dum ĝi aperis lumbildoj je karakterizaj poŝtkartoj el tiu plej bela regiono de Belgujo. La lumbilda aparato de la grupo, kiu funkciis unuafoje estas ŝuldata al donaco kaj kunlaboro de fervoruloj.

22-1-23. — La kurso de novembro finiĝis. Nova komenciĝis kun 13 enskriboj.

28-1-23. — La ĉiujara novjarfesto. Intima plezura vespero.

3-2-23. — Parolado kun lumbildoj de F-ino M. De Rycke pri «Finnlando kaj la XIVa». La parolado, kvankam necese longa, ravis ĝis la fino la multnombrajn ĉeestantojn.

17-2-23. — Okaze de la 25a datreveno de la esperantistiĝo de la

grupa prezidanto Sro L. Cogen, la grupo organizis inter siaj gemembroj tre diversfakan literaturan kaj sciencan konkurson. Interesaj premioj. Multnombra partopreno estas certa.

LIERO. — La 7an de januaro, la «Liera Stelo» organizis novan Esperantan kurson en la Ŝtata Meza Lernejo; ĝin gvidas S-ro C. Schroeyers. Partoprenas 22 gelernantoj, bone progresantaj.

MEĤLENO. — La tiea grupo faras viglan propagandon. Nova kurso malfermiĝis por 29 gelernantoj.

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — «Neptune» «De Nieuwe Gazet» kaj «De Schelde» (28-29-1-23): favoraj raportoj pri la jarfesto de la grupo «La Verda Stelo»; «De Diamantbewerker» (20-1-23): anonco de nova kurso organizita de la grupo de Esp. Diamantistoj.

BRUĜO. — «Brugsch Handelsblad» (20-1-23) kaj «Journal de Bruges» (21-22-1-23): anonco de nova kurso en la Bruĝa Grupo Esp.; «Schoolbloempje» (Jan. 23) enhavas la tutan, dupaĝan flandran tekston el «Esperanto-Film» pri la Konferenco pedagogia de Genevo.

BRUSELO. — «Le Jass» (14-1-23): bela artikolo pri la progresoj de nia lingvo en Azio; «Le Raliement» (28-1-23): avizo pri koresponda kurso de Esperanto ĉe la Centra Lernejo de profesiaj studoj, place Fontainas 9-11, Bruselo; «La Radiophonie» No 2 1923 enhavas artikolon «Apostolo» en kiu oni parolas pri la Amerikano William Dubilier de kiu estas cititaj jenaj vortoj: «La kreskanta disvastigo de la radiotelefonio devigos nin, akcepti universalan lingvon, Esperanton aŭ alian».

CUESMES. — «Avenir du Borinage». (13-12-22): traduko de la intervjuo de la Persa Ministro en Berno, emiro Zoka-el-Dowich, el «Esperanto Triumfonta»; (21-1-23): favora decido de la social-demokrata kongreso en Hungarujo, kaj anonco de koresponda kurso de la laborista Grupo en Bruselo.

GENTO. — «La Flandre Libérale» (29-12-22). S° Pierre Messiaen citas opinion pri Esperanto de Anatole France, «diskutanta kun izraelido, kiu klopodas por lin varbi al la lingvo de D-ro Zamenhof». Tiu opinio estas multe pli brila laŭdkanto je l'honoro de la franca lingvo, kies belecon kaj ĉarmon laŭ nia scio, neniam iu Esperantisto kiel ajn kontestis; (17-1-23): enhavo de nia numero Dec. 1922; (15-2-23): Longa komuniko pri la Internacia konferenco pri Esperanto en la Komerco de Venezia. «Gazette van Gent» (15-12-22): represo de nia flandra artikolo pri Esp. ĉe la Ligo de Nacioj; (17, 24-12-22, 22-1, 16, 23-3-23): 22a, 23a, 25a, 27a kaj 28a lecionoj de Esperanto. (Ni tre bedaŭras, ke ni ne ricevis ĉiujn lecionojn publikitajn).

MONS. — «La Province» (17-12-22): represo de nia franca artikolo pri la Ligo de Nacioj.

VERVIERS. — «Le Travail» (21-1-23): artikolo de M. Boubou pri la «Studo per Esperanto de la gepatra lingvo»; (17-2-23): pri la progresoj de Esperanto en Brazilujo.

---

POR «ESPERANTA LIGILO» DE LA BLINDAJ ESPERANTISTOJ.

Deka Listo:

| | | |
|---|---|---|
| Salajro de iu perdita Esperantista frizist-instruisteto kaj Gmk. 2451.— | Fr. | 17.10 |
| Grupo «La Progreso», Gent | | 11.— |
| | | 28.10 |
| Antaŭaj listoj | | 686.70 |
| Sumo: | | 714.80 |

(Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto No 284.20, Antw.)

---

LA «PULĈINELA KELO» DE ANTVERPENO

Je la fino de la pasinta jaro «La Verda Stelo» organizis por la antverpenaj Esperantistoj tre sukcesintan prezentadon en tiu kelo, kiu estas unu el la plej karakterizaj kaj malnovaj restaĵoj de la antverpena popola historio.

Ni intencas publikigi en B. E. kelkajn detalojn pri tiu primitiva teatro, kaj represas jam ĉi sube la programon kiun eldonis «La Verda Stelo» okaze de suprecitita prezentado. Ĝi estas redaktita en la sama stilo en kiu oni laŭkutime por tiaj «festoj» kunmetas flandralingve la programon, kiu estas presata ĉiam sur unuhura folio da papero ofte atinganta pli ol unu metron da longo.

Laŭ nia scio, tiu ĉi estas la unua tia programo verkita en Esperanto.

URBO ANTVERPENO.

(Diversaj legendoj klarigas la nomon de nia kara urbo. Ĉiuj ĝis nun konataj klarigoj estas definitive senvalorigitaj per la dokumentoj, kiujn oni hieraŭ trovis en la tombo de la multe tro frue mortinta Faraono Tuter-Kramer. En la skribmaŝina tablo de tiu eminenta viro oni efektive trovis papiruson, laŭ kiu la nomo de la eterne ekzistinta, ĉiam surmondonradianta kaj neniam superebla «Antverpeno», signifas: «Ant»: malamiko, «ver»: radiko de vera kaj «peno», do: malamiko de la vera peno». Jen!) (*)

Ĵaŭdon, le 28an de decembro 1922a, la Gekavaliroj de la Verda Stelo organizos brilegan specialan reprezentadon neniam plu ĝueblan de

« JAN ONVERSAEGD »

sensacia dramo moderna en 5 aktoj

kun, bone notu tion!, kun la kunlaborado de la talentplenaj aktoroj kaj belstila muzikistaro de la famkonata Arttemplo de la Pulĉinela Kelo.

---

(*) Senkulpigu, Jan, pro la plagiato!

Laû malnova kutimo la ludado okazos en la salonego kaj dependaĵoj de la nomita instituciо.

POGROMO:

Kunkurado je la 8a vespere en la «Sankta Dometo», Placo de Po-Po-lo, de kie ĉiuj vidontemuloj forgalopos unu post alia, je la 8 h. 30 akurate (kiu ne ĉeestos, estos tuj mortpafata).

ĜENERALAJ ORDONOJ DE LA GRANDA ĈEFSTABO

1. — La komitato zorgos pri ĉio. Ĝi precipe atentos, ke ĉiu loko estu vendata ne pli ol dek-dufoje.
2. — Por akiri la enirrajton, oni devas mezuri almenaŭ 2 m. 12 ½ cm.
3. — La virinoj, precipe la bopatrinoj, estos buŝumitaj kaj perforte silentigitaj. La komitato pri tio severe atentos.
4. — Infanoj de malpli ol 80 jaroj devas esti akompanataj de gepatroj aŭ parencoj ĝis el la trideksepa-kaj-duona grado.
5. — La pordoj (ĉiuj!) estos fermataj duono de horo antaŭ la komenco de la spektaklo. Kiu sonorigos aŭ frakasos la pordojn ricevos sen iu pago piedbatojn.
6. — Se la tramveturiloj strikas, oni, laû skriba peto sendos meblo-transportveturilojn por alkonduki la membrojn kaj ilin ŝuti en la kelon.
7. — Ĉar ĉiuj lokoj havas specialan numeron, oni estas petata sidiĝi tri- aŭ kvarope, unu sur la alia.
8. — Por ke la blankaj bluzoj de la fraŭlinoj ne makuliĝu, oni tapetos la murojn per karbosakoj.
9. — Se la artistoj estus mortigitaj antaŭ la fino de la teatraĵo, la reprezentado tuj ĉesus, kaj ĉiu ĉeestanto pagos unu frankon por la kostoj de enterigo. — Li havos tiuokaze preferrajton por anstataŭi mortintan aktoron, kondiĉe ke li posedu diplomon pri diplomatiaj studoj, subskribitan de la muzikestro de la komerca ĉambro de Hotentotujo.
10. — Tiuj, kiuj havas ŝvitpiedojn devas demeti siajn ŝuojn kaj ŝtrumpojn por ke ili lernu kaj praktiku la altruismon.
11. — Tiuj kiuj venas per ĉevaloj, puŝ- aŭ infanveturiloj, omnibusoj aŭ senrada vagonaro (lasta krio de l'progreso!) envenos tra Parizo, Londono, Mukden, Kinshasa, Steenockerzeel, en la Avenuo della Repo, kaj atendos tie ĝis la fino.
12. — Ĉiuj plendoj pri la reprezentado aŭ pri la aktoroj estas farotaj kvar tagojn antaŭe.
13. — Se la elektra levilo estus difektita, la vidontoj estos tre ĝentile ĵetataj tra la truo. Krom tio la publiko disponos ĉiun imageblan komforton.
14. — Se brulus en la salono aû sur la scenejo, oni (por eviti bedaûrindajn malfeliĉaĵojn) fermos ĉiujn pordojn, por ke la ensidantoj ĝuu la plezuron dolĉe kaj tute trankvile rostiĝi
15. — En la vestejo oni devas meti ĉiajn danĝerajn objektojn, kiel: falsaj hararoj, neaŭtentikaj dentoj, malplenaj monujoj, suĉiloj, biletoj de la pruntoficejo, junaj katoj, k. t. p.

16. — Tiu, kiu estas tro dika por sidi sur ordinara sidloko, sidiĝu sur la plafono. Li pagos trioblan prezon.
17. — La korespondantoj de alilandaj ĵurnaloj povos uzi senpage la aparaton de senfadena telegrafo kaj telefono, speciale aranĝita por ili en la suflorejo. Ili estas tamen ĝentile petataj ne kunporti la meblojn kiuj estas en tiu ejo.
18 — Kiu ne kapablas naĝi povas resti hejme: post la tria akto oni subakvigos la salonon por speciala surmonta senparola pantomino.
19. — Anĝeletoj, kiuj pro uzo de tro altaj kalkanumoj, rompus sian kolon estos senprokraste sendataj «ad patres», por eviti al ili plian suferon. (Tiu operacio estos senpaga por ne enui la heredontojn).
20. — Post la teatraĵo estos farata monkolekteton por helpi la vidvinojn kaj orfojn de la artistoj torpeditaj dum la marbataloj. Ĉiuj donacoj estos danke akceptitaj eĉ sakoj kun terpomoj, kafo, rizo, kestoj kun lardo, ranfemuroj, boteloj kun kulŝvito, k. t. p.
21 — La ordoservo estos farata de speciala honorgvardio, dungita el la brila korpuso de la burĝaj policistoj el la ŝtona periodo Dum ili ne deĵoras, ili fiŝkaptos muŝojn.
22. — Kiu ne estas kontenta, pagos duoblan prezon.
23. — Oni rajtas eniri senpage, kiam oni estos aĉetinta jenan paperaĉon, kiu kostas 1.243.576,88 rublojn aŭ 100 belgajn centimojn, speciale dediĉotaj al la nelacigeble suferanta Panjo Vidvino Lakaso.

Decidita, aprobita, zorge enketita, pripensita, pezita, frakasita, turnita, tordita, tirita kaj streĉita, de la Alta Komitato de la kavaliraro de la Verda Stelo.

La Skribemuloj, DONISTO kaj degli PEDELI

La Kaŝisto, Jo. MOT—TO.

La Antaŭsidanto, M. I. M.ALFERMASL-AKUN-SIDON

Aliaj Seriozuloj: Tiklemulo, della Cignino, L. Areĝo, G. Ardeno del' Kuloto, Bela Johano, kaj aliaj, kiuj krevos pro envio ĉar ilia nomo ne estas tie ĉi notita.

---

## LA KIALO

Antverpena maristo havis papagon kiu kapablis paroli kiel homo. La tutan tagon la besto paroladis, kantis kaj havis ĝojan mienon. Sed iam, alvenis angla vojaĝanto en la suprenomita urbo; ekvidinte la papagon li tuj volis aĉeti ĝin. La maristo konsentis kaj post tri tagoj la gaja besto forveturis kun la angla sinjoro.

Sed en Anglujo, la papago ne plu malfermis la buŝon. Kial? La estro mem ne sciis kaj la papago ne volis diri. Fine la anglo reveturis kun la papago Antverpenen al la maristo. Tie la sinjoro diris ke la papago ne plu volis paroli; kaj ke eĉ la besto mem ne volis diri la kialon.

Kaj la maristo, prenante la birdon, demandis:

«Kial papageto ne plu volis paroli?»

Kaj la besto tre rapide respondis: «Ĉu vi pensas, kara mastro, ke mi kapablis lerni la anglan lingvon dum tri tagoj ?»

(Juul Karnas.)

Malsanulo. Dro, se mi devus morti, malfermu min post mia morto, ĉar mi volonte scius la kaŭzon de mia morto.

---

La lernejestro estis parolanta pri adverboj kaj adjektivoj. Al la gelernantoj li demandis:

— «Ĉu via instruisto uzas adverbojn kaj adjektivojn?»

— «Jes, sinjoro,» la infanoj respondas.

— «Nu, kion li uzas, kiam li ne uzas adverbojn kaj adjektivojn. Ili silentas. Fine knabeto levas sian manon: «Li ordinare uzas sian liniilon, sinjoro.»

(M. De Cock.)

---

# XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg

---

3 a CIRKULERO.

**Kongreskotizoj.** Konsiderante la nunan malplivaloriĝon de la germana marko, ni estas bedaŭre devigitaj plialtigi la kotizon por Germanoj, Aŭstroj, Poloj kaj Rusoj, depost la 1-a de januaro, de 200 gmk. al 1000 gmk. Pluajn plialtigojn, laŭ la cirkonstancoj, ni devas rezervi al ni. Laŭ petoj pri specialarangô la kotizoj estas fiksitaj por Bulgaroj je 60 levoj, por Rumanoj je 60 leoj, por Estlandanoj je 150 Emk., por Jugoslavoj je 50 dinaroj, por Latvoj je 150 latvaj rubloj, por Litovoj je 10 litoj. La kotizo por la belgoj estas Fr. 30.—

**Aliĝiloj.** La aliĝiloj, ĉ. 8000 ekzempleroj, estas dissenditaj meze de novembro, pere de la Esperanto-Gazetaro kaj de la delegitoj de UEA. Kiu ne ricevis aŭ ricevos tiamaniere aliĝilon, bonvolu peti ĝin rekte de la LKK.

**Aliĝoj.** Aliĝis ĝis la 15-a de decembro pli ol 800 personoj el 17 landoj: Armenujo, Aŭstrujo, Belgujo, Bulgarujo, Britujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Estlando, Finnlando, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Nederlando, Polujo, Rusujo.

La publikigo de la listo okazas en nia oficiala informilo «Esperanto Triumfonta», kiu represos iom post iom la nomojn de la partoprenontoj.

**Kongreskarto.** Nia oficiala kongreskarto, desegnita kaj dediĉita de nia komitatano s-o Heinrich Nass estas sendpreta. Por kiel eble plej multe ŝpari, ĝi estos dissendata senpere nur al eksterlandanoj, kiuj bezonas ĝin supozeble por la pasvizo.

**Financoj.** Por la Kongresa Kaso ni jam ricevis multajn donacojn, kiujn ni danke kvitancas, same por la Garantia Kapitalo, kaj la Blindula Kaso.

La nomojn ni publikigos laŭvice kaj laŭ la disponebla loko.

**Envojaĝpermeso.** Eksterlandaj gazetraportoj pri envojaĝaj malfaciligoj, speciale flanke de la bavara registaro estigis maltrankvilon ĉe

multaj samideanoj. Kiel ni jam akcentis en la 2-a cirkulero, ĉi tiuj malfaciligoj ne koncernas la partoprenontojn je nia XV-a Universala Kongreso.

**Lumbilda propagando.** Farinte bonajn spertojn koncerne lumbildan reklamon, ni disponigos al ĉiu granda urbo senpage efikan vitran kliŝon, kiu montras la silueton de Nürnberg, la verdan stelon kaj la ĉie kompreneblan tekston: XV-a Universala Kongreso de Esperanto, 2.—8. de aŭgusto 1923, Nürnberg.

La mendontoj devas garantii, ke ili montrigos la kliŝon je siaj propraj kostoj minimume 3 monatojn en granda teatro aŭ kino. Oni konigu al ni la dimensiojn de la bezonata kliŝo.

**GAZETARO.** Estas dezirinde, ke jam nun la Esperantaj kaj naciaj gazetoj ĉiulandaj atentigu pri nia XV-a. Por tiu ĉi celo ni rekomendas la uzadon de la Nürnberga specialnumero de «Esperanto Triumfonta», kiu ja enhavas sufiĉe da interesiga materialo. Ĉiujn koncernajn gazetojn, resp. eltranĉaĵojn oni bonvolu sendi al la LKK.

**Fakkunsidoj.** Pluajn fakkunsidojn anoncis: Por fervojistoj : s-o sekretario O. Schlicht, adreso: Esperanto Nürnberg.
Por virinoj : s-ino Signe Wollter-Pfister, Nürnberg, Baderstr. 17.
Por oficistoj : s-o Adolfo Oberrotman, Delegito de UEA Warszawa.
Por scienculoj: ISA (Atentu la apartan cirkuleron de ISA).

**KONGRESARANĜOJ.** Krom aliaj grandstilaj aranĝoj estas projektataj internaciaj recitadmatineo, popoldanca revuo kaj piedpilkturniro. Nepra antaŭkondiĉo estas sufiĉa partoprenado. Pro certigo de la aranĝoj ni petas kiel eble plej baldaŭajn sciigojn.

**Korespondado.** Alvenis al ni lasttempe multaj ne aŭ nesufiĉe afrankitaj privatleteroj, kiuj kaŭzis multe da elspezoj al la Kongresa Kaso. Ni petas insiste atenti pro tio; alie ni ne povus akcepti nek respondi.

Loka Kongresa Komitato.

Por eviti konfuzojn, oni adresu nur: Esperanto, Nürnberg.

---

## 4-a CIRKULERO

**Aliĝoj.** Aliĝis ĝis fino de februaro 2119 kongresanoj el 33 landoj. Ni petas ke per tuja aliĝado oni helpu kaj plifaciligu la laboron de LKK.

**Kongreskotizo.** Pro ĝenerala malplivaloriĝo de la germana marko dum la pasinta kvaronjaro ni estas bedaŭre devigataj denove plialtigi la kongreskotizojn por aŭstroj germanoj, poloj, hungaroj, kaj rusoj, fiksante ĝin je 3000 gmk. depost la 1-a de aprilo.

Por plifaciligi kaj malkarigi la aliĝadon de eksterlandanoj, ni rajtigas kaj petas la Naciajn Asociojn kolekti la aliĝilojn kaj kotizojn de siaj anoj kaj transsendi ilin kune je fino de ĉiu monato al LKK.

**Restadpermeso.** Laŭ dekreto de Distrikta Polico la kongresa karto havigas la permeson restadi tri semajnojn en tuta Bavarujo. La eksterlandanoj ricevas rabaton de proksimume tri kvaronoj de la oficiala takso. Pri pasporto kaj vizo ni informos pli poste.

**Loĝigo.** Multaj samideanoj petis pri perado de malkaraj loĝejoj. Volonte ni atentos pri tio kaj aranĝos ankaŭ komunajn dumnoktejojn.

**Apudaj kongresoj.** Rekte antaŭ la Universala Kongreso okazos en Nürnberg arpartaj kongresoj de Germana Esperanto Asocio, Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista kaj Tutmonda Polica Ligo.

**Blinduloj.** Dum la XV-a okazos ankaŭ la 3-a internacia blindula kongreso. Aliĝis ĝis nun 45 blinduloj el 7 landoj. Ili havos senkostajn kongresan karton kaj loĝejon ĉu en la Blindula Instituto ĉu en najbara lernejo. La elspezoj por la manĝoj, kiujn disponigos la Instituto je memkostoj, estas pagotaj per la donacoj al la blindula kaso. Eventualaj kondukantoj de la blinduloj ricevos la samajn favoraĵojn, sed pagos la kongreskotizon. Aranĝo de koncerto estas projektata.

**Fakkunsidoj.** Estas plue anoncitaj la jenaj fakkunsidoj:

a) Internacia Esp. Ligo de Liberpensuloj kaj Monistoj; Adr. Kurt Hubricht, Leipzig-Neustadt, Mariannenstr. 30-III.

b) Teozofia Esp. Ligo: Adr.: F-ino Maria van Rees, ĉefsekretariino, Wilderswill, Chalet Bertha, Svislando.

c) Asocio de Junaj Germanaj Esperantistoj: Adr.: Erich Habellok, Breslau, Schleiermacherstr. 19.

d) Kristana Esperantista Ligo: Adr.: Paul Hübner, Quedlinburg, Bergstrasse 1a.

e) «Konkordo» Adr.. Edvardo Wiesenfeld, Warszawa, Biala 3.

f) Aŭstruja Esp. Delegitaro; Adr.: Centra Oficejo, Wien, Mollardgasse 55.

g) por psikistoj; Adr.: Direktoro L. Gube Berlin-Friedenau, Fregestrasse 26.

h) por studado de naciaj lingvoj; Adr.: Johann Jungfer, Lübben N.-L. Lindenstrasse 10.

Por certigi fruktodonan daŭriĝon, ni petas la interesulojn jam nun interkorespondadi pri la preparoj, starigo de progamo, elekto de referentoj ktp., turnante sin al la nomitaj adresoj.

Ĉiuj fako aŭ nacia societo kiu intencas aranĝi apartan kunsidon, estas petata, komuniki ĝin ĝis la 1—a de majo al LKK.

**Festaranĝoj.** Krom aliaj festaranĝoj ni reprezentigos la faman dramon «Natan la saĝulo» de E. Lessing, Esperantigita de Karl Minor kaj eldonota ĉe Ellersiek & Borel, Berlin. La teatraĵo estos ludata de eminentaj geaktoroj de la Urba Teatro, kiuj jam nun fervore studas Esperanton en speciala kurso.

Por la projektata Internacia Dancrevuo, kiu estas certe atrakcio en la kongreso, ni petas la Naciajn Asociojn kaj Societojn, konigi jam nun proponojn kaj deziresprimojn. Estus bone se ĉiu nacio estus reprezentata de almenaŭ 4 paroj kiuj dancas en naciaj kostumoj kaj laŭ orginala muziko de sia lando. Premioj estas disdonotaj.

**Poŝtoficejo.** — En la kongresa kunvenejo troviĝis poŝtoficejo kun Esp. oficistoj. La leteroj kaj poŝtkartoj estos stampataj per oficiala stampilo. Jam nun elirantaj poŝtaĵoj surhavas reklamstampon kun la teksto: Vizitu la XV-an Universalan Kongreson de Esperanto en Nürnberg, 2.-8. aŭgusto 23.

**Kongressigno.** — Bela arta signo arĝentita surhavanta verdan steon kaj viadoĵn de la Nürnberga Kastelo, estas preta. Ĝi estos disdonata al la kongresanoj en la Akceptejo.

**Propagando.** — Glumarkoj — pro malaktualeco — kaj kongresafiŝoj — pro multekosteco — ne estas eldonataj, tiom malpli, ĉar la propaganda valoro laŭsperte ne estas konsiderinda. Serio da belaj ilustr. poŝtkartoj kaj aliaj memoraĵoj pri la kongresurbo estas en preparo.

**Komercista propagando.** Diversaj gravaj komercistaj firmoj disdonigos Esperantlingvajn prospektojn kaj reklamilojn. La Leipziga Foiro montrigos specialan filmon pri la industrio de Germanujo. Similaj aranĝoj estas projektataj.

**Korespondado.** Pro la grava plialtiĝo de la poŝtarifo ni petas denove aldonon de respondkuponoj, kiam oni petas informojn.

**Loka Kongresa Komitato.**

# Naturkoloraj Fotografaĵoj

Mi opinias ke malmultaj inter vi scias, ke jam de longe oni povas fotografi subjekton kun ĝiaj naturaj koloroj. Mi pensis ke tiu afero povus interesi vin, kaj mi intencas al vi klarigi kiamaniere oni faras tiajn fotografaĵojn.

Por komenci, tamen, mi per kelkaj paroloj klarigos al vi la ordinaran fotografarton, por ke vi povu pli bone kompreni la daŭrigon.

La fotografarto estas bazita sur propreco de saloj arĝentaj, ŝanĝiĝi ĥemie sub la influo de lumo. Por fotografi, oni lokas vitran ladon, kovritan per gelateno kun arĝenta salo, paralele kun lento (ofte ordinara pligrandiga vitraĵo). Oni metas ĝin je tia interspaco ke la bildo aperas nekonfuza.Tiu spaco dependas de la distanco de la fotografota objekto. Ĝis nun komprenéble, oni ne permesis al la lumo eniĝi en la aparaton. Oni malfermas la aparaton dum kelkaj partoj de sekundo kaj la lumo efikas tra la lento sur la sentema tavolo. Poste en malhela ĉambro oni fiksigas la bildon. Jen kiel: La salo arĝenta, kiu troviĝis sur la fotografa plato, tie kie la lumo influis. ŝanĝiĝis je arĝento metala; kaj la neŝanĝita salo (tie kie la lumo do ne influis) estas solvata per akva dissolvaĵo de soda salo kaj lasas sur la plato travideblan parton

Tiumaniere, oni akiras negativan bildon, t. e. bildo sur kiu la malhelaj partoj estas helaj, kaj male. Per tiu negativa bildo, ni povas nun fari tiom da pozitivaj (t. e. ordinaraj) fotografaĵoj, kiom ni deziras.

Kiel vi vidas, la fotografaĵoj tiel ricevitaj ne estas koloraj, nur nigraj kaj blankaj.

Ni vidu nun kiel oni ekhavas kolorojn sur fotografaĵoj. Oni foriras de la principo, ke ĉiu koloro povas esti konsiderata kiel rezulto de la miksado de la tri elementaj koloroj: la ruĝa, la blua, la flava.

Se oni miksas la rugôn kun la flavo, oni ekhavas oranĝan koloron, flavo kaj bluo donas verdon, ruĝo kaj bluo violkoloron, kaj cetere. Se oni miksas **lumon** de la tri koloroj je iuj proporcioj, oni ricevas blankan lumon.

Supozu nun, ke ni volas fari koloran fotografaĵon, pejzaĝon aŭ alian subjekton. Mi unue rimarkigos, ke ni tion faros sur vitro. Supozu ke ni faras tri fotografaĵojn de la sama subjekto, malsamaj pri tio-ĉi, ke la unua fotografaĵo nur montras la ruĝajn partojn de la pejzaĝo (tegmentojn ekzemple) la dua la bluajn (la ĉielo kaj la bluo kiu estas en la verda koloro de la arboj) kaj la tria la flavajn (la greno kaj la flavo kiu kun la bluo faras la verdon). Ni metu nun tiujn tri kliŝojn unu super la aliaj, ni trarigardu ilin, kaj ni vidos la pejzaĝon kun siaj naturaj koloroj. Sufiĉas do fari tri kliŝojn kaj ilin supermeti por havi koloran fotografaĵon. Tiu sistemo, kiun oni nomas la trikolora (aŭ trihroma) sistemo ŝajnas tute simpla, sed reale ne ĉiam estas tia.Efektive, se la subjekto restas senmova,oni povas facile per kolorigitaj ŝirmiloj filtri la lumon kiu eniras en la aparaton Tiamaniere, per tri malsamaj ŝirmiloj, oni povas fari la tri necesajn kliŝojn. Sed tio ne estas farebla kiam la subjekto estas movanta ĉar la tri fotografaĵoj devus esti prenataj samtempe kaj per sama aparato. Vi do vidas, ke la trikolora sistemo ne estas ĝenerale aplikebla.

Estas Sro Lumière, la famega franca scienculo, kiu nun ankoraŭ vivas, kiu elpensis la memkolorigan (aŭ aŭtohroman) procedon, kiu estas fundita sur la samaj principoj, sed malsame uzitaj.

Jen el kio ĝi konsistas. Anstataŭ fari tri kliŝojn oni nur faras unu, sed ĝi enhavas samtempe la tri kliŝojn uzatajn en la alia sistemo. Jen kiel tiu kliŝo estas kunmetita. Sur la vitra lado troviĝas multego da diverskoloraj punktoj treege malgrandaj (unu centono de milimetro) kaj sub ili ordinara sentema tavolo de fotografa plato. Oni uzas tiun-ĉi platon kiel ordinaran.

Vidu nun kio estas la rezultato. Supozu ke ni fotografas francan flagon. La bildo formiĝas kiel ordinare sur la sentema tavolo. Ĝi havas bluan, blankan, kaj ruĝan parton. En ĉiuj tri partoj estas miloj da koloraj punktoj de tiuj koloroj. Konsideru ni tri malsamajn ŝirmilojn en ĉiu parto.

En la blanka parto de la flago, la blanka lumo, kiu enhavas ĉiujn fundamentajn kolorojn, enpenetros tra ĉiuj malsamkoloraj punktoj. En la ruĝa parto, la lumo kiu estas ruĝa povos nur penetri tra la ruĝaj punktoj kaj ne tra la aliaj. Same en la tria parto, la blua lumo nur penetros tra la bluaj punktoj.

La rezultato estas do jena: Tie, kie la lumo povas enpenetri tra la punktoj ĝi efikas sur la sentema tavolo. Per la ordinara vastigo oni do tie ekhavas malhelajn partojn. Sed ni supozu nun ke per hemiaj faroj oni ŝanĝu la malhelajn partojn je helaj kaj la helajn je malhelaj. La konsekvenco estas ke la blanka parto, kie la lumo ĉie penetris estos tute blanka. En la ruĝa parto, la ruĝaj punktoj estas videblaj kaj la aliaj kaŝitaj pro la netravidebleco de la plato, kaj la parto

aperos ruĝa; en la blua male, kie la lumo nur pasas tra la bluaj punktoj, nur blua koloro estos videbla.

Kaj ĉu vi pensas, ke ni vidas ĉiujn tiujn punktojn? Tute ne! La pli malgranda punkto, kiun niaj okuloj povas vidi, estas multe pli granda ol unu centono de milimetro. Ni do nur distingos la arojn de punktoj kiuj aperos kiel koloraj surfacoj.

La fina rezultato estas do la flago kun ĝiaj naturaj koloroj.

Evidente, la memkolora sistemo havas kelkajn malbonaĵojn, nenio homa estas perfekta.

Nuntempe, oni faras provojn per ankoraŭ alia sistemo, sed tio estas materio por alia paroladeto.

MARC. A. NOVE.

# Lingva Komitato

**El letero de la Prezidanto Cart al la L. K. - anoj**

**Voĉdonado pri Landnomoj :**

Post raporto de Prof. Grosjean-Maupin la Akademio, flankenmetante aliajn proponitajn solvojn al la demando: «Ĉu konsilinda la simpla fideleco al la Fundamenta kaj tradicia uj?» respondis.

9 jes — 2 ne — 1 duba voĉdono.

Al la demando : «Ĉu vi aprobas la fidelan sintenadon de la Akademio en la landnoma demando?» respondos 87 L. K. - anoj:

74 (2 kun rezervoj) jes — 5 ne — 2 dubaj voĉdonoj — 6 sin detenis de voĉdono.

**Voĉdonado pri kreado de Akademiaj korespondantoj:**

Al la demando: «Ĉu vi aprobas la kreadon de Akademiaj korespondantoj kaj rajtigas la Akademion, elekti, se bezone, eĉ ne L. K. — anojn?» respondis 87 L. K. — anoj : 72 jes — 8 (kondiĉe ke ili estu aŭ fariĝu L K. — anoj) jes — 1 ne — 6 sin detenis de voĉdono.

Sekve al nia Regularo estos aldonata jena paragrafo XII.21 (in fine «La Akademio havas la rajton elekti, eĉ ekster la L. K., se bezone, » Akademiajn korespondantojn. Se ili ne estas jam L. K. — anoj, ia » Akademio petas de la L. K. aprobon, dank'al kiu ili fariĝos L. K-anoj. » —Ilia nombro ne devas superi la trionon de la nombro de la Akade- » mianoj».

**Nombro de la 79 nunaj Lingva Komitatanoj laŭ la lingvoj :**

(La nomoj de la Akademianoj estas dike presitaj)

ANGLA : Blaise (S-ino). Busuttil, Butler. **Mann**, Millidge, Padfield, Reed. Reed (S ino Kellerman) , Shafer (S-ino A.) Underhill, **Wackrill, Warden. (12)**

BOHEMA : **Kühnl** (1)

BULGARA . Krestanoff (1)

DANA : — (0)

FINNA : — (0)

FLANDRA : van Melckebeke, Witteryck (2)
FRANCA : Aymonier, Bastien, Bobin, Boucon, **Cart**, Chavet, **Corret**, Delvaux°) Flourens (S-ino), **Grosjean-Maupin**, de Ménil, Parisot, **Privat**, Rollet de l'Isle, Generalo Sebert, Stroele, G., Wenger (19)
GERMANA : Arnhold, Behrendt, Bünemann, **Christaller**, Fridöri, Hankel (S-ino), **Mybs**, Pulvers (S-ino), **Rohrbach**, **Schmid**, Schmidt, Schröder, **Simon** (13)
GREKA : -- (0)
HEBREA : — (0)
HISPANA : Codorniu, **Inglada**, Sepulveda-Cuadra, Villanueva (4)
HOLANDA : Bulthuis, Uitterdyck (2)
HUNGARA: Lengyel, Török (2)
ISLANDA . — (0)
JAPANA kaj Ĥina : — (0)
ITALA : Bianchini, Ghez, Mazzolini, Meazini, Tellini (5)
KATALUNA : Bremon y Masgraŭ, Grau-Cazas, Sabadell (3)
POLA : Zamenhof (Leono) (1)
PORTUGALA : Backheuser, Couta-Fernandez, Furtado (3)
RUMANA . Fischer (1)
RUSA : Devjatnin, Dombrowski, **Evstiféjeff**, Fiŝer, Kabanov, Memel, Naumann, Stojan (8)
SVEDA : Lundgren, Nylen (2)

La elektoj en la L. K-aton okazos dum la unuaj monatoj de 1923-, en la Akademion poste, antaŭ la Nürnberga Kongreso.

(°) Belgo.

---

VESPERE....

La suno malaperis,
(kun ĝi mia l'esper'),
en nigra la mantelo
alvenis la vesper'.

For estas la sunbrilo,
for la ĉiela blu'...
Vespertoj ĉirkaŭflugas
kun malserena bru'.

Mortuko kuŝas super
kamparo, mont' kaj val';
malgaje eĉ silentas
la dolĉa najtingal'.

Kelkfoje nur eksonas
tra vasta la silent':
de l' strigo la blekado,
la muĝo de la vent'.

Mi timas la malhelon, —
doloro kaptas min:
vespere mi sopiras
al mia l'amatin'...

JAN VAN SCHOOR.

# Esperantista Akademio

PRI LA LANDNOMOJ.

Antaŭ nelonge la Esperantista Akademio voĉdonis pri la formo de la landnomoj, kun preskaŭ unuanima rezulto, laŭ kiu la uzo de la finiĝo **io** eĉ kiel elektebla, permesebla apud **ujo** ne estas konsilata.

Nun estas presita en «kolekto de la Akademio» «Vortaro de Oficialaj radikoj de Esperanto», kun listo de ĉefaj landnomoj (regnanoj). Ni redonas tiun liston.

Post la nomita listo sekvas jena noto : «La finaĵo **io** (ne sufikso) kiam internacia en landnomo ne estas kontraŭfundamenta (Germanio apud Germanujo, kiel evolucio apud evoluo Fundamento § 15) sed tamen ne konsilinda, ĉar tute senutila komplikaĵo.

**Ĉefaj Landnomoj (regnanoj). — Listo de la Akademio.**

EŬROPO

Aŭstrujo (aŭstro). —Neniu motivo nun por la formo Aŭstrio.

Belgujo (belgo)
Britujo (brito)
Anglujo (anglo)
Irlando (-ano)
Skotlando (-ano)
Bulgarujo (bulgaro)
Ĉeĥoslovak (-slovako)
Danujo (dano)
Finnlando (-ano)
Francujo (franco)
Germanujo (germano).
Bavarujo (bavaro)
Prusujo (pruso)
Saksujo (sakso)

Grekujo (greko)
Hispanujo (hispano)
Holando, Ne[illegible]ndo (-ano)
Hungarujo (hungaro)
Italujo (italo)
Jugoslav ujo / io (-slavo)
Norvegujo (norvego)
Polujo (polo)
Portugalujo (portugalo)
Rumanujo (rumano)
Rusujo (ruso)
Svedujo (svedo)
Svisujo (sviso)
Turkujo (turko)

AZIO

Ĉinujo (ĉino)
Ĥinujo (ĥino)

Hindujo (hindo)
Japanujo (japano)

OCEANIO

Aŭstralio (-ano)

Nov-Zelando (-ano)

AMERIKO

Kanado (-ano)
Meksik o / io (-ano)
Usono (-ano)
Argentino (-ano)
Bolivio (-ano)

Brazil o / io (-ano)
Ĉilio (-ano)
Kolombio (-ano)
Peruo (-ano)
Urugvajo (-ano)
Venezuelo (-ano)

AFRIKO

Alĝerio (-ano)
Egipto (-ano)
Kaplando (-ano)

Maroko (-ano)
Tunizio (-ano)

## ALFABETO « MORSE » KAJ MNEMOTEKNIO.

La kono de la signaro de la alfabeto « Morse » estas utila ne nur por la kandidatoj pri telegrafado, sed ankaŭ por kiu ajn persono. Efektive, en la nuna tempo la senfadenaj telegrafado kaj telefonado fariĝis pli kaj pli ĝeneralaj: multaj personoj jam posedas en sia hejmo aparatojn permesantajn aŭskulti koncertojn, paroladojn, k.t.p. Sed ĉu tiuj personoj ne dezirus ankaŭ « aŭskulti » aŭ legi la sciigojn elirantajn ekz. de la Eiffelturo kaj konigantajn la staton de la vetero, de la borso, la ĝustan horon, la lastajn novaĵojn k.t.p.? Multaj el ili ĉi-tie estas haltigataj ĉar tiuj komunikaĵoj estas ankaŭ faritaj per la speciala alfabeto « Morse » (1) kies punktojn kaj streketojn oni devas kapabli « legi » ĉu okule, ĉu orele. Nu, la signoj de tiu alfabeto ne estas facile lerneblaj ĉar ili estas ege similaj je formo en tiu senco ĉar ili konsistas nur el diverspoziciaj intersekvoj de punktoj kaj de strekoj, kaj cetere tiu « alfabeto » enhavas, krom la signoj por la literoj, ankaŭ signojn por la ciferoj, la inkterpunktado kaj por diversaj oficesprimoj!

Se ni havus do manieron por plifaciligi la ellernadon de tiuj signoj, tio estus io tre utila por ĉiuj kadidatoj pri ŝtataj telegrafoficoj kaj por ĉiuj amantoj de T. S. F.

Jam mnemotekniisto (2), profesoro, G. Rolin, estis eltrovinta metodon por memori la 27 ĉefajn signojn de la telegrafo « Morse ». Nun S-ro Antony Bruyant, adepto de la metodo de Rolin, korektis ĉi-ties verkon, profitante je la plej lastaj studoj pri la memoro, nome tiuj de S-ro Ch. L. Julliot, kaj samtempe plenigis tiun metodon, aplikante ĝin al ĉiuj 78 signoj de l'alfabeto « Morse ».

La metodo konsistas el la jeno: al ĉiu litero, cifero, esprimo respondas « kunliga vorto » rilatanta al ĝi per ia sona simileco. Al ĉiu kunliga vorto respondas « mnemoteknia formulo » (vorto aŭ frazeto), rilatanta al tiu vorto per ia senca, idea, logika rilato. Ĉiu formulo enhavas la solvon konigantan la manieron laŭ kiu punktoj kaj strekoj devas intersekviĝi. Por tio la formuloj konsistas el vortoj enhavantaj la literojn P au B (montrantajn la punktojn) kaj T au D (montrantajn streketojn kaj france « traits »): la ordo laŭ kiu renkontiĝas tiuj literoj en la formuloj donas la formon de la Morse 'a signo. Ekz., por la litero b. la kunliga vorto estas; « BEnédiction »; la formulo estas: « Du PaPe Pie; do la litero « b » en telegrafa formo estas: «—...»

---

(1) Morse (Samuel-Finlay-Breese) naskiĝis dum 1791a, en Charletown (Massachusets kaj mortis dum 1872a, en Poughkeepsie, proksime je New-York Li estis talenta artpentristo kaj okupis sin pri la tiam naskiĝanta telegrafo. Li elpensis la elektran telegrafon kaj la punkt-strekan alfabeton kiuj nomiĝas laŭ li « telegrafo kaj alfabeto Morse ».

(2) La mnemoteknio estas rimedaro por plifaciligi la memorigon de ĉiujspecaj ideoj: historiaj faktij kaj datoj, nombroj, famaj paroloj kaj ĉiutagaĵoj.

La kunligaj vortoj kaj la formuloj estas tiel « trafaj », por la spirito ke oni ilin preskaŭ tuj memoras kaj ke tiamaniere, eĉ ne jam konante parkere la telegrafajn signojn, oni trovas ilin aŭtomate. Farinte tamen la ekzercadon diversfoje, buŝe kaj skribe, oni baldaŭ konstatas ke la «Morse»' aj signoj nur estas konataj senpene!

S-ro Bruyant faris do belan kaj utilan eltrovon je kiu ĉiu progresamanto volos ekkonatiĝi!

Kompreneble la sistemo dependas de la uzita lingvo kaj devus aliformiĝi laŭ ĝi. La elpensinto uzis la francan, kaj estus dezirinde ke ĝi, estu, kompreneble kun lia konsento, alfarita al ĉiuj aliaj lingvoj, ne forgesante Esperanton! (3).

L. COGEN.

## DEMANDO.

**De Karl Christian Reh.**

Mi staris ĉe krucvojo kaj la homoj preteriris min, la unuj plenaj je realeco, kaj la aliaj kiel bloveto aŭ venteto.

Pretiriris knabino kaj mi demandis: «Kio estas la amo?» Ŝi rigardis min kaj saltanta per unu kruro ŝi diris ridanta: «Dolĉa, dolĉa, dolĉega estas la amo! Ludado, dancado kaj ŝvebado!»

Ŝi turnadis sin laŭ direkto de rondo kaj tuŝis min per sia delikata mano, ke mia ĉapelo falis teren. Aŭ ĉu miaj sencoj fariĝis turniĝantaj? Jam preteririnta ŝi ĉiam ankoraŭ ridadis; kvazaŭ ŝi moke ridas pri mi.

Refoje venis knabino kaj mi demandis: «Kio estas la amo?» Ŝi rigardis malproksimen kaj diris: «Amo estas preĝado de surteraj animoj, sopirantaj al eterneco; estas dio-antaŭsento kaj soleno». Mi esploris: «De kiu vi scias ĉi ĉion?»

Ŝi nerespondis; eble, ke ŝi ne aŭdis mian demandon, eble, ke ŝi ne volis aŭdi. Ankoraŭ ŝi rigardadis malproksimen post kiam ŝi estis preteririnta.

Kaj je la tria fojo venis knabino. Ŝiaj lipoj estis ankoraû brulruĝaj kaŭze de multego da kisoj. Ŝiaj vangoj estas fariĝintaj palaj per ŝanceliĝoj dum sendormaj noktoj. «Kio estas la amo?» Ŝiaj okuloj grandiĝis, kiam ŝi rigardis min, kvazaŭ ŝi ne komprenus tion, kion mi diris. Denove mi demandis ŝin kaj ŝi ne respondis. Je la tria fojo mi demandis: «Ĉu vi ne scias tion?»

«Amo?» Kaj rapide ŝi preteriris, por ke mi ne vidu la larmojn, kiujn ŝi ne plu povis reteni.

**Tradukis Fr. Hahn.**

---

(3) Titolo k.t.p. de la brosuro de S-ro Antony Bruyant: «Methode mnémonique pour apprendre en deux heures les 78 signaux usuels de l'alphabet Morse. — Librairie scientifique et industrielle Desforges, 29, Quai des Grands-Augustins, Paris, 6e. Prezo: 3.75 fr., franco: 4,15 fr.».

# Mia Kato

(Originala rakonto por infanoj malgrandaj kaj grandaj...)

Mia kato estas bela besto : ĝi havas grizan felon trastrekitan per nigraj strekoj. Ĝia dorso estas brilnigrahara. Ĝi estas dika, precipe dum la vintro kiam ĝia hararo tre plidensiĝas. Ĝia kapo estas vere bela, kvazaŭtigra, kaj la okuloj ja scias rigardi inteligente, esprim-plene, kvankam ordinare oni diras ke la katoj estas seninteligentaj! La kaŭzo de tio estas ke mia kato estas jam multjara, ke ĝi akiris multe da sperto ne nur pri la kata sed ankaŭ pri la homa vivo kaj ke, krom tio ĝi guis bonan, zorgitan edukadon. Jes! mia kato estas bonedukita, klera estaĵo. Gin mi ricevis de najbaro kiu sciis ke mi estis «senkata», ke mi bezonis katon! Li mem estis ricevinta ĝin de katama, katkolettema, maljuna kaj evidente tropiema servistino de ne malpli katama, katkolektema, maljuna kaj tropiema, neniam edziniĝinta nobelulino, por ke «li zorgu por bona domo» por tiu ĉi malfeliĉa, juna, sian vojon perdinta kateto trovita en la tegmentkorniĉo de l' nobelulina domo, kaj zorge, ame flegita dum kelkaj tagoj de ambaŭ bestamaj virinoj!

Mia kato estas do nobelulo! Mi dirus «nobelulo», ĉar «li» estas kat-viro. La bonaj virinoj estis nomintaj sian junan zorgaton: « John » kaj mi konservis al ĝi belsonan nomon. Nu, kiam oni estas nobelulo kaj nomiĝas «John», oni meritas nobelan edukecon (Noblesse oblige!) kaj cetere mi certigas ke John tre «bezonis» ĝin, ĉar dum sia tiama juneco ĝi estis ekstreme timplena kaj sovaĝa : iun vidante, ĝi forkuris malantaŭ aŭ mulsuper la meblojn, la fornon, la litojn, kc., kaj kiam iu sukcesis per ruzo, manpreni ĝin, tiam ĝi mordis ungoskrapis kaj blovis furioze por liberiĝi: ftt! ftt!

La rimedo por iom post iom kvietigi, ekcivilizi junan sinjoron John estis malsatigi ĝin kaj dum la tagmanĝo, ĵeti manĝeretojn teren Tiam oni vidis aperi ĝin de malantaŭ aŭ de sub ia ŝranko kaj singarde, ho tre singarde kolelŝtreĉante proksimiĝi ĝis la manĝereto kaj malkonfide ĝin ĉirkaŭflarinte, ekmordeti kaj fine manĝi ĝin. Sed oni ne faru dum tiu momento ian movon, nek ian bruon; se ne, la besteto fulmorapide malaperus en sian kaŝejon kaj vi vane ĵetus al ĝi novajn pecetojn: ĝi «nerevenigeble« restis tiam sub sia meblo kaj de tie rigardis la bongustan peceton per dezir-sed timoplenaj kaj bedaŭresprimaj okuloj!

Kiam tiu komedio estis daŭrinta dum unu semajno, la pecetoj estis jetataj ĉiam pli proksime de l' ĵetanto, kaj baldaŭ la besteto kuraĝis proksimiĝi ĝis lia seĝo kaj resti en tiu ĉi danĝera loko por frandi la bongustan viandereton! Tiam mi dolĉe ekglitigis mia manon sur la dorso de John, sed.bona Dio!kia terura emocio! La kompatinda besto kvazaŭ trafita de l' fulmo ektimegis, ĵetis, turnante la kapon, rapidan, teruresprima rigardon al mi kaj forkuregis!! Baldaŭ tamen ĝi ŝatas pli la kareson, pli konfide restis kaj manĝis la frandaĵon dumkarese! Kia granda progreso! Poste, la besteto lasis sin levi, preni sur la ge-

nuoj kaj eĉ ĝi tiam ĝoje ekronkis pro la volupto de l' ricevitaj karesoj dum ĝi flirtigis sian voston ĉielen por pliakcentigi sian kontentecon. Tamen, en la komenco, ĝi ne ŝatis tro longan karesadon, kaj kiam ĝi ne plu deziris da ĝi, mia John, kies sovaĝeco reaperis, mordis la manon ĝin karesantan!

De tiu momento la progresoj estis rapidaj kaj baldaŭ mia kato konis ĉiujn ĉambrojn de l' domo kaj la kutimojn de la loĝantoj. Mi fariĝis ĝia preferato, kaj sciante ke ĉiutagmeze mi revenas hejmen,la bona besto sidiĝas ĉe la dompordo por saluti min je mia eniro: tiam ĝi, vostlevite, ekfrotas sin kontraŭ mia pantalono kaj konscience ĝin surkovras per siaj elfalantaj haroj, ĝoje alblekante min: Miaŭ! Sed kiam la vetero estas suna, dum somero, John preferas kuŝiĝi en la sunradioj sur la fenestrobretoj de l' manĝoĉambro aŭ dum vintraj, frostaj tagoj, ĝi sidas kun duonfermitaj okuloj malantaŭ la forno de l' kuirejo kaj ĝuas tie la hejton de l' fajro ĝis kiam, ne plu povante elteni la altgradan temperaturon, ĝi iras malvarmigi sian preskaŭ brulantan felon, elsterniĝante kvazaŭ mallaboremulo sur la malvarman pavimon de l' koridoro.

Mia kato mirinde komprenas sian nomon: ne estas nesece ĝin voki per la banala: «puspuspus!« Ne! Gi estas tro klera pro tio! Oni nur forte elparolu: «John! John! venu ĉi tien, venu John!» kaj oni vidas John'on alkurantan de la fundo de l' ĝardeno, ĝoje miaŭante kvazaŭ ĝi demandus: «Jes, jes jen mi estas! Kion vi havas por mi?»

Mia John konas ankaŭ la horojn de la tagmanĝoj kaj ĉiam ĉeestas por ricevi sian parton, ĉar kompreneble, kat-nobelulo ne manĝas kun la servistino! Ne! Tute ne! Ĝi sidiĝas sur seĝo flanke de sia mastro, kaj ricevas tie: vianderetojn da bovaĵo, bovidaĵo, ŝafaĵo, kuniklaĵo, hepato aŭ fiŝaĵo, laŭ la preparita tagmanĝo kaj la sezono! Sed ĝi preferas, tutsimple preferas iom da kokidaĵo! Ĝi estas ja delikatulo! Ĝi ankaŭ tre ŝatas ostrojn kaj sardelojn kaj markankretojn kaj — sed tio estas pli stranga — ..asparagojn!! (Bah! Iam mi havis katon kiu trinkis kafon! Ĝi tamen ne fumis cigarojn! John ne ankaŭ!) Sed aliparte ĝi ŝatas frandaĵojn, ekzemple kremon aŭ ĉokoladopasteĉon! Jes, jes mi tion diris ĝi estas delikatgusta! Kaj mia John ne ĉiam tre pacience sidas sur sia seĝo por atendi sian peceton: se tiu ĉi ne sufiĉe rapide alvenas, John senceremonie stariĝas per ambaŭ antaŭpiedoj sur la tablon kaj eĉ per gracia piedmovo penas hoki viandpecon el la telero de sia mastro aŭ ankaŭ malhelpi ke tiu lasta enigu viandplenan forketon en sian buson! Sed ĉion tion ĝi rajtas fari, ĉar ĝi estas «nia» John, ĉar ĝi estas «nia» dorlo ata princeto! Kaj cetere ĝi plene meritas tiujn favorojn, ĉar, se, manĝinte, ĝi — precipe dumvintre — komforte kuŝiĝas sur mola apogseĝo, kie ĝi per revoplena dormado, ekdigestas sian manĝaĵon ĝi aliparte ankaŭ forigas la mordetantan musgenton tiel malŝatatan de l'homoj! Jes, ĝi estas tre lerta ĉasisto, kaj kiam ĝi suspektas la ĉeeston de tia rapidkura malamiko, ho tiam vi devus vidi ĝian ruzecon, nervekscitecon, singardan flaradon, facilmovan marŝadon, brilan okulon! Kaj ĉiam la malamiko iras honte malvenki.. en la stomakon de John!!

Bedaŭrinde mia kato iafoje ĉaskaptas post ruza, pacienca spionado, kuŝinte kaj ŝoviĝinte kontraŭ tero, en la ĝardeno, iun malfeliĉan, senkulpan kaj pro tio eble malsingardan paseron, kiu malatente kaj sensuspekte saltis en iu aleo por serĉi nutraĵon! Sed kion vi volas! La naturo iufoje nudiĝas de sub la lako de la civilizeco! Kaj ĉu bona ĉasisto ne devas ekzerciĝi konstante por konservi sian lertecon?...

Nun mia kato estas jam dekjara; ĉiam zorge flegata kaj bone nutrata, ĝi ĝuas nun feliĉan maljunecon, kaj danka pro la bona vere nobelulinda vivo kiun ĝi ĉe ni laŭdezire ĉiam vivis. Ankoraŭ lerta ĝi estas kaj dika kaj bonapetithava, kvankam ĝi perdis diversajn dentojn! La mus — kaj paserĉasado estas ĉiam ĝia plezurdona ekzerco!Sed ĝi nun tute trankviliĝis kaj civiliziĝis: ĝi estas tre aminda; ĝi eĉ lernis doni ĝentile piedetojn, kaj ĝi mem petas karesojn per miaŭado, frotado, dolĉa rigardado aŭ saltante sur miajn genuojn aŭ sur mian skribtablon kaj puŝante sian kapon kontraŭ mian mentonon!Ĝi ne plu mordas nek ungoskrapas pro tedo, sed male, ĝi danke ronkas, streĉas leve la voston kaj rondigas la dorson pro plezuro! Ĝi ankaŭ ŝatas akompani min en mian studejon, aŭ venas skrapi kontraŭ la pordo por eniri la ĉambron kiam mi jam estas en ĝi, kaj ĝi sidadas tie dum horoj sur seĝo, dormante aŭ filozofe revante pri la forflugintaj jaroj, pri sia senutila timo estinta kaj pri la bona flego de siaj ĝin ĉiam dorlatantaj mastroj!

Mia kato fariĝis saĝulo, filozofo!!

L. COGEN.

---

## LA POTENCO DE L' TONOJ

Beethoven, la granda komponisto, trovis en Sinjorino Dorothea von Ertman ne nur varman honorantinon kaj sinceran amikinon, sed ankaŭ la plej bonan ludantinon de siaj verkoj.

Neniu kiel ŝi komprenis tiel bone, kion li volis esprimi per siaj profunde sentitaj «Sonates» kaj neniu ludis ilin tiel ĝuste.

Sinjorino von Ertmann estis feliĉa edzino kaj posedis kelkajn ĉarmajn infanoj. Sed, ho ve, la morto forrabis unu infanon post la alia. Kiam la lasta mortis en ŝiaj brakoj la malfeliĉa patrino ne plu havis larmojn.

Ŝi ĉagrenis multege, kaj neniu povis ŝin konsoli, neniu eĉ povis alproksimiĝi al ŝi; al la servistaro ordono estis donita, lasu venigi neniun, neniun ĉe la dolorplenan patrinon.

Sed Beethoven ne atentis pri tiu ordono, kaj la servistoj ne povis deteni lin. Eble ke ili ne faris grandan penon por malhelpi al li la eniron de l' ĉambro, esperante eble ke iu kiel Beethoven trovus la rimedon por konsoli la malfeliĉan virinon.

Kaj tiamaniere li envenis la lokon kie ŝi sidis en senlarma doloro, kaj silenta malespero. Beethoven estis viro kiu ne multe parolis sed kun profunda, senlima sento. Ne alparolante sian amikinon, eĉ ne rigardante ŝin, li sidiĝis ĉe la pianon kaj komencis ludi «Fantaziaĵojn». Lia varma koro, kiu suferis kun la amata amikino, kondukis liajn

fingrojn; la kordoj plendis kaj ploris je ilia ektuŝiĝo sed estis plendoj sen amareco, konsolantaj larmoj.

Dum unu horo li ludis senlace, tiam li returnis sin kaj rigardis Sinjorinon von Ertmann.

Kaj vidu ŝiaj severaj okuloj estis pleniĝintaj per bonfarantaj larmoj, dolĉaj, fervoraj sopiroj movigis ŝian tropremitan bruston.

La malfeliĉa patrino ploris, kaj kiu ploris estas konsolita.

Kvankam ŝi perdis siajn infanojn ŝi mem estis savita por sia edzo kaj siaj amikoj. Kion neniu el tiuj ĉi povis fari, tio estis atingita de la kvieta Beethoven per lia dia muziko.

El Flandra tradukis M. Soete.

# Pri la Kantado

Kiu ne amas kanti! Eĉ tiu kiu ne posedas voĉon (kiel oni diras de iu kiu ne bone kantas) ne forgesos kanteti kune, kiam li aŭdas kanti konatan arion eĉ laŭte kiam li pensas sin sola. Estas precipe per la kantado ke la homoj esprimas siajn intimajn sentojn ĉar eĉ kiam oni malĝojas oni kelkafoje kantas, ne gaje sed ordinare tiujn kantetojn kiuj la plej bone konsentigas kun la animstato. Sed prefere oni kantas kiam oni estas feliĉa kaj la vivo ŝajnas rozkolora. Ĉu ne Tollens diris en sia poemo «Kanti», ke nur la mallaboremuloj kaj malbonuloj ne kantas.

La kanto, kompreneble la bona, ekzercas grandan influon sur la homa karaktero, ĝi nobligas la emojn, vastigas la intelegentecon, pligrandigas la patriotan amon kaj la amon por la naciaj lingvo; ĝi estas la plej bona helpilo, kiu kunvenigas en fremda lando la samlandanojn. Estas landoj kies loĝantoj ĉiuj kantas la samajn kantojn, kaj estas vere mirinde aŭskulti tiujn homojn, kiam dum vojaĝado ili renkontiĝas kaj okaze kantas, ili tuj estos konatuloj kaj amikoj, kaj ni mem, kiam dum kongresa festo, ni aŭdas kaj mem kantas nian belegan kanton « La Espero'n », ĉiam estas impresataj. Unu el miaj korespondantoj, kiu ĉeestis la XIIIan en Praha skribis min, ke la plej bela kaj la plej impresiga horo estis kiam pli ol 2000 gorĝoj aŭdigis la himnon esperantistan.

Estas necese ke nia popolo lernu kion ĝi kantos ĉar ofte ĝia elekto ne estas bona! Tio ne nur estas la tasko de la lernejoj sed ankaŭ de la gepatroj kaj de la geedukistoj, kiuj zorgeme atentos ke la infanoj ne aŭdigas kantojn de malbona kvalito.

A. VAN GANSE.

## AFRIKA FABELO

Singalambo iam eliris por ĉasi, kunprenante sian filon kaj sian hundon. Post tuta tago da vana vagado, li kampis en arbaro. Nokte li mortigis sian filon. La sekvantan matenon, li tranĉis la karnon en strioj, kiujn li sekigis sur la branĉoj de arbo, kaj enfosigis la membrojn kaj la ostojn en la sablon.

La ardaj sunradioj baldaŭ rostigis la karnopecojn. Singalambo ilin volvis ĉirkaŭ bastono kaj hejmeniris: tie li nur diris, ke estas karno de ĉasbesto; kaj se oni demandas pri lia filo, li ŝajnigus sin mirigata kaj malgaja pro lia malaperiĝo. Jen birdeto sin metis je kelkaj paŝoj de li kaj multfoje ekkantis: «Singalambo mortigis sian filon por manĝi lian karnon.»

Ekscitegite, la senkorulo prenis bastonon kaj frapis per ĝi la birdon, kiu falis teren. Singalambo ĝin levprenis kaj premis la korpeton per la piedo, ĝis ĝi ne plu estis rekonebla; poste li foriris.

Subite Singalambo tremis: la birdeto tie estis antaŭ li plenviva. Kaj laŭtvoĉe ĝi kriis: «Singalambo mortigis sian filon por lin manĝi». Furioze la mortiginto batmurdigis la birdeton, poste li ekbruligis fajron kaj ĵetis la kadavreton en ĝin; kiam ĝi estis tute cindrigita, li prenis la cindron kaj disĵetis ĝin. Sekve ree trankviliĝinta, li eliris la arbaron kaj iris sur la ebenejon, al sia vilaĝo. Lia hundo estis restinta malantaŭe sed la ĉasisto ne pensis pri ĝi. Jen li estis proksima de sia vilaĝo. Jam la vilaĝanoj kunvenis por lin akcepti: ĉu li ne mortigis belan ĉasbeston? Kia feliĉa viro. Sed, ho ve, subite sur la tegmento de apuda kabano, birdeto sin metis kaj ekkantis: «Singalambo mortigis sian filon por manĝi lian karnon.»

La vilaĝanoj estis miregitaj. «Estas ensorĉita birdo, ĝi parolas kiel homo» ili diris.

La mortiginto sin defendis, ekscitiĝis kaj furioziĝis, sed, jen alvenis lia hundo, portanta la kapon de lia filo en la buŝego. La vilaĝanoj, indignitaj, ekkaptis Singalambon, enfermis lin en lia kabano kaj ĝin ekbruligis. Tiel li pereis en la flamoj.

Jos P.

El «De Kleine Vlaming»

Tradukis: C. Schroeyers.

---

## AŬTONOMA MUZIKNOTADO

La A. M. N. daŭrigas sian diskonigan vojon tra la mondo. Greka jurnalo «La Nova Politiko» de l' 1-a de januaro 1923 publikigis dukolonan artikolon kun muzikaj ekzemploj. La duonmonata Brusela ĵurnalo «Notre Enfant» (No 12-13, februaro 1923) dediĉis ankaŭ tre laŭdantan artikolon al la A. M. N. Tiu numero estis speciale dediĉita al la muzikarto. Oni anoncas el Italujo, ke la artikolo de S-ro Cogen pri la A. M. N., publikigita en «Belga-Esperantisto» Nov.—Dec. 1921, kaj eldonita aparte broŝurforme estas tradukita en itala lingvo de fraŭlino Ricca, profesorino de muziko en Genova. Por aliaj tradukoj oni sin turnu unue al S-ro L. Cogen, 52 Drève, Ninove, Belgujo.

## LA ELEFANTO.

La tre severa lernejinspektoro A. iras al la vilaĝeto D. por honori la tiean instruiston kaj ties lernejon per sia vizito. La vilaĝeto estas lokita malproksime de la fervojo, kaj la lernejo havas apenaŭ tridek lernantojn.

La inspektoro mallaŭdas ĉiam la staton de la lernejo, tial ke ĝi ne posedas aliajn lernilojn krom tiuj, kiujn la instruisto mem verkis aŭ konstruas.

La vizitanto eniras la malaltan lernejĉambron, kaj post la kutima saluto, li rimarkas, ke la instruisto parolas pri la elefanto.

— «Ni parolas ĵus pri la elefanto», klarigas al li la instruisto.

— «Kie estas do la bildo de tiu besto», informas lia tre severa inspektora Moŝto.

— «Mi tre bedaŭras,» respondas al li la instruisto, iom konfuza, «sed en la lernejo ne ekzistas bildo de l'elefanto, kaj mi ne trovis ĝin en miaj libroj.»

— «Tiam vi devas desegni ĝin sur la tabulo,» diras la vizitanto.

— «Mi ne estas tiel bona desegnisto, plie mi ne povas riski, ke miaj lernantoj ridas je mi.

— «Tamen, ne estas tiel grandega arto: desegni elefanton per kelkaj linioj? Mi petas, donu al mi pecon da kreto.»

Kaj dum la rigardado de la tuta klaso, senmova, dika besto kun rostro kaj mallonga voŝto aperas baldaŭ sur la tabulo. Finfine la desegno estas preta, kaj la inspektoro demandas triumfonte al unu el la knaboj:

«Nu, kion mi desegnis tie ?

Sed, ho ve, la talento de la desegnisto ne estas juĝata laŭ sia vera valoro... se ne tro vera... kaj tial ke la knabo pli bone konas la bestojn de sia vilaĝo, ol ĉiujn de la tropikoj, li decidas kun konvinko :

«Tio estas porko.»

La inspektoro muta de mirego pro tiom da nescio, frapas la manojn la unu en la alian.

Sed, tiel agis ĉiam la instruisto kiam ĉiuj la lernantoj devas ripeti ion hore. Kompreneble nun ankaŭ tridek buŝoj krias samtempe:

«Tio estas porko!...»

Kaj furioze, kolerege la inspektoro forlasas la lernejon. Oni diras, ke post tiu ĉi tago li neniam plu montras sian desegnotalenton antaŭ la ĝentila junularo.

Tradukis W. De Schutter.

---

Oficisto de la urbodomo, al la edziĝonta paro: La edziĝstato devigas al vi multajn devojn. La edzo ĉiam devas defendi la edzinon; kaj la edzino devas sekvi ĉien la edzon.

Edzino: Ĉu tio ne estas ŝanĝebla? Mia edzo estas leterportisto.

(Juul Karnas.)

## AVARULO KAJ FIŜKAPISTO

Avarulo falis en riveron, kaj, ĝuste kiam li estis dronanta, venis fiŝkaptisto kaj savis la vivon de la avarulo.

— Kara amiko, diris la avarulo kiam li malsveniĝis, mi ŝuldas mil fojojn dankon al vi.

— Ho, diris la fiŝkaptisto, tio ne estas dankinda, la urbo rekompencos min pro ĝi.

— Pro tio? Ĉu la urbo pagas, kiam oni savas de iu la vivon?

— Certe, pro tio mi ricevos 50 frankojn.

La avarulo diris nenion, sed la morgaŭan tagon li postulis de la fiŝkaptisto 25 frankojn, ĉar, diris li, falante en la akvon, li donis al li la okazon gajni 50 frankojn.

(Oscar Van Hove.)

## BELEGA EĤO

Vantemulo rakontis al siaj amikoj, ke en sia grandega ĝardeno li havas ehon tiel klaran, ke oni serĉus vane similan alikole.

Li invitas siajn amikojn por veni aŭdi la belan ehon la sekvantan tagon.

Intertempe li ordonis al sia servanto, kaŝi sin en la ĝardeno, por 'udi la rolon de eho. Kiam la amikoj venis, oni faras promenadon en la ĝardeno.

Ĉe la loko de la eho la sinjoro volis doni pruvon.

Li kriis: «Eho, ĉu vi estas tie?»

Kaj la eho respondis: «Jes, Sinjoro, jam de la sepa horo».

(M.L'Homme.)

## ENERGIA KURACADO.

La kuracantoj el la pratempo ne gloriĝis uzi rimedojn perfekte dolĉajn, kaj povas esti dirite ke por ili la celo pravigis la rimedojn.

En la «Ekonomia Vortaro» de Noël Chomel, estas trovebla mirinda procedo por forigi la enradikiĝintan melankolion:

«Ekzistas ekstera rimedo, estas dirite en ĝi, efikega kvankam mirega. Jen ĝi estas: trempi grandan toltukon en brandon kaj volvi en ĝin la malsanulon; samtempe ekbruligi la brandon.

La rapideco je kiu la malsanulo klopodos por eliĝi kaj eviti la flamojn, kune kun la timo esti bruligata, lin certege resaniĝos.»

La inda Chomel, kiu estis samtempe agronomo kaj pastro, ne malpravis, supozante ke la proponita rimedo povis ŝajni miriga !

Cetere ĝi ne eniĝis en la praktikadon, kaj pro tio la melankoliuloj daŭre estos melankoliaj.

Tradukis L. Cogen el «La Flandre Libérale».

# Diversaj Informoj

---

## ESPERANTO EN KOMERCO

Ankaŭ en Aŭstrujo nun komerca grupo «Asocio por komerco kaj helplingvo tutmondaj» estas fondita. La adreso de la sekretariejo estas: Vieno, V. Margarethenstrasse, 120. Ĉiuj komercaj asocioj, grupoj kaj komercistoj, kiuj en kiu ajn afero serĉas interrilatojn kun Aûstrujo, sendu siajn dezirojn al la suprenomita adreso.

## PETOJ:

S-ro Leŭtenanto Maurice Van Wanseele, C. I. N. C. (Belga Misio) Heerdt-Düsseldorf, dezirus ricevi Numeron 1—2 de «B. E.» de la 7a jaro (1921). Kiu povas ĝin havigi al li, bonvolu skribi al supra adreso.

S-ro Fernand Mathieux, 15 Avenue Bel-Air, Uccle (Bruselo), dezirus ricevi Numeron 1—2 de «B E.» de la 8a jaro (1922). Kiu povus havigi ĝin, bonvolu skribi al li.

## ĈE LA BELGAJ KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ.

La antaŭmilita «Belga Katolika Esperantista Ligo» estas restarigata. La interesiĝantoj sin turnu kaj sendu siajn proponojn pri la agado de tiu Ligo al la provizora Sekretariino. F-ino Jeanne Assenmacker, 50. rue des Minières, Verviers, kiu tre deziras koni la nunan adreson de la antaŭaj komitatanoj.

## MEDITERANEA ESPERANTISTA FEDERACIO fondita estas.

Ĝi konsistas el 11 GRUPOJ : CERET, PERPIGNAN (Pyrénées Orientales), BEZIERS, CETTE, MONTPELLIER (MERAULT), ALAIS ARAMON (Gard), AVIGNON (Vaucluse), MARSEILLE (Bouches du Rhône), TOULON (Var).

Jam ĝi vigle laboras, por restarigi la antaŭmilitajn grupojn kaj starigi novajn.

Ĝia I-a Ĝenerala Kunveno okazis en MARSEILLE la I-an kaj 2-an de Aprilo 1923 (Paskajn tagojn). Por allogi eksterregionajn kaj eksterlandajn samidean(in)ojn okazis brilaj festoj kaj tutaga ekskurso.

## NIA PROKSIMA NUMERO

Ĝi aperos antaŭ la kongreso kaj enhavos ĉiujn detalajn raportojn prezentotajn kaj diskutotajn en Namur.

---

BELGAJ ESPERANTISTOJ! VENU MULTNOMBRE al nia jarfesto!

# Bibliografio

VORTARO DE LA OFICIALAJ RADIKOJ DE ESPERANTO laŭ la « Universala Vortaro » kaj la tri oficialaj aldonoj. Th. Cart. Eldonis Esperantista Centra Librejo, Paris, 32 paĝoj ; 14 ½ x 10 cm.; prezo Fr. 1.—

Krom klariga noto la libreto enhavas ankaŭ kelkajn oficialajn dokumentojn, kaj plenan Gramatikon de Esperanto (L. L. Zamenhof). La oficiala Radikaro de Esperanto enhavas 3 preserarojn, kiujn ĉiu aĉetinto aŭ aĉetonto de la libro bonvolu korekti : paĝo 11 : «dud'» legu : «duel'»; duel'» legu : duet'»; paĝo 31 (Noto 1): «kiom» legu : «kiam».

KURSA LERNOLIBRO, laŭ praktika Parola Metodo de D-ro Edm. Privat, 4a eldono, 13-17 miloj. Eldonis 1922: Esperanto-Verlag S. 59. 80 paĝoj 16 × 11 cm. Prezo: Fr. 1.75.

KARLO, de Edmond Privat, kun antaŭparolo de Marie Hankel; 7a eldono, 18-22 miloj. Eldonis: Esperanto-Verlag, Berlin S. 59. 48 paĝoj 16 × 11 cm. Prezo: Fr. 1.00.

Ne estas necese, laŭ mi, fari la laŭdon de tiuj 2 de ĉiuj esperantistoj bone konataj libretoj de Edm. Privat. Sufiĉas nur deziri al la nova eldono de ili eĉ pligrandan sukceson ol tiu, kiun renkontis la antaŭaj miloj disvastigitaj en la mondo.

INTERNACIA MONDLITERATURO, eldonita de la firmo Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig :

1-a volumo : HERMANO KAJ DOROTEO, de J. W. von Goethe, El la germana originalo tradukis B. Küster, 2a korektita eldono ; kun antaŭparolo de Prof. D-ro J. Dietterle. 1922. 77 paĝoj 13 x 19 cm. Prezo Fr. 3.

2-3a volumo : 12 LEGENDOJ, de Niemojewski. El la pola originalo tradukis Br. Kuhl Kun antaŭparolo de Antoni Grabowski ; 232 paĝoj; Fr. 3.

4a volumo : LA NIGRA GALERO, de Wilhelm Raabe ; el germana originalo tradukis Prof. D-ro F. Wicke, 2a reviziita kaj prilaborita eldono, 1922, 64 paĝoj 13 x 19 cm. Prezo Fr. 3.

5-6a volumo : KVIN NOVELOJ de diversaj aŭtoroj, tradukitaj de E. L. Meier; 1912. 258 paĝoj; Prezo Fr. 3;

La supranomitaj 4 libretoj estas malnovaj konatoj por la Esperantistaro, kiu kun ĝojo salutos la reeldonon en nova vesto de tiuj belaj verkoj.

7a volumo : LA MIRINDA HISTORIO DE PETRO SCHLEMIHL, de A. de Chamisso ; el germana originalo tradukis Eugen Wüster ; 1922, 82 paĝoj, 13 x 19 cm., Prezo Fr. 3.

Estis bonega ideo traduki tiun bonekonatan libreton en nian lingvon. La traduko estas perfekta. Ni tamen ne tre multe ŝatas la tro abstraktajn formojn al kiuj volas nin alkutimigi la tradukinton, kiel ekzemple la memstaran uzon de la substantiva finaĵo «o».

8a volumo : NUNTEMPAJ RAKONTOJ de G. P. Stamatov, el la bulgara originalo tradukis Ivan H. Krestanoff ; 1922; 80 paĝoj, 13 x 19 cm.; Prezo, Fr. 3.

La kvin prezentitaj rakontoj donas al ni klaran bildon pri la bulgara literaturo La aŭtoro estas delikata observanto, kies bonan famon tute ne perdos la tre bela traduko en Esperanton de nia bone konata samideano Krestanoff.

LEIPZIGA FOIRO - PRINTEMPO 1923. — Eldonita de la Esperanto-Fako de la Foira Oficejo de Leipzig. Mark 4.— 16 paĝoj 21 ½ x 15 cm. Senpaga. — Bele ilustrita broŝuro sur luksa papero presita.

ESPERANTO-LEHRBUCH für Schul-, Kursus- und Selbstunterricht, de K. Bruggemann ; eldonis 1922 ; Esperanto-Verlag Friedrich Ader, Dresden-A.27. 148 paĝoj 17,5 x 11,5 cm.; Prezo Mk. 120 + 100 %.

Nova gramatiko por germanoj (oni ne plendu en tiu lando pri manko de lernolibroj !) dividita en 45 lecionoj bone gradigitaj, kun du vortaretoj. Kiu finuzos tiun libreton sendube bone scios nian lingvon, kiun ĝi instruas tute laŭ la Fundamento. Zorgita presado. Bela papero. Agrabla formato.

ESPERANTO-EXAMENOPGAVEN kolektitaj de J. C. Isbrücker-Dirksen. 1922. 52 paĝoj 21 x 14 cm. Prezo : nemontrita.

Ampleksa kolekto de klasikaj tekstoj nederlandaj kaj Esperantaj, tradukotaj en ekzamenoj de simpla - kaj de pliperfekta kapableco, Krom tio la libreto enhavas grandan nombron da bone elektitaj legaĵoj kaj demandoj por esti uzotaj en la parola parto de ambaŭspecaj ekzamenoj. La libro tre certe multe helpos la organizantojn de ekzamenoj.

VII SVISA SPECIMENA FOIRO. — Basel 14-24 Aprilo 1923. — Okpaĝa ilustrita prospekto eldonita de la Foira Oficejo, 15 x 11.5 cm.

LA EKONOMIAJ FORTOJ EN FINNLANDO, Esperanta Publikaĵo No 1 de Finnlanda Foiro, laŭ iniciato de Finnlanda Foiro verkis Leon Estrand, magistro de filozofio, kaj Martti Kovero, doktoro de filozofio. 32 paĝoj 20 x 15 cm. Tre bele kaj zorge eldonita broŝuro kun interesplenaj informoj pri la lando kaj popolo, industrio, komerco, komunikiloj, k. c. de Finnlando. Senpage havebla de la Finnlanda Foiro, Helsinki,

JUBILEA EKSPOZICIO GOTEBORG/SVEDUJO. — 8 majo-30 sept. 1923. — Unufolia (29 x 23 cm.) prospekto de la Ekspozicia oficejo, Göteborg 5.

REGULARO DE LA INTERNACIA FEDERACIO POR KOMUNA LINGVO. — 4 paĝoj 14 x 9.5 cm. — Senpage havebla de la Sekretario Leander Tell, Postbox 37, Stockholm I.

DEKTRIA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. — Esperantista Dokumentaro. — Kajero tridek-tria (Marto 1922) — Praha 31 Julio-6 Aŭgusto 1921. — Eldonita de Esperantista Centra Oficejo, 51 rue de Clichy, Paris (9). — 88 paĝoj 24 x 16 cm. — Prezo Fr. 3,— Enhavas ĉiujn preparajn dokumentojn kaj la oficialan protokolaron de la Praha Kongreso

KOREKTO DE LA ERARAJ TRADUKOJ EN « UNIVERSALA VORTARO » (kun aprobo de la Lingva Komitato. — Angla Parto. — de Th. Cart. — 8 paĝoj 25 x 16 cm. — Eldonita de The British Esperanto Association, 17 Hart Street, London W. C. 1. Prezo: 3 pancoj;

KOREKTO DE LA ERARAJ TRADUKOJ EN « UNIVERSALA VORTARO » (kun aprobo de la Lingva Komitato). — Germana Parto, de Th. Cart. — 4 paĝoj 24 x 16 cm. Eldonita de Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G m b H, Berlin SW 61, Wilms-Strasse 5. — Prezo : Fr. svisaj 0,30.

L'ESPERANTO language auxiliaire, neutre, international, son rôle dans la pacification des peuples par leur intercompréhension. Conférence faite dans les Loges des trois Obédiences Françaises « Le Grand Orient de France », « La Grande Loge de France» et l'Ordre Mixte Internationale «Le Droit Humain» par Léon Méras. — 36 paĝoj 21 x 13,5 cm. Eldonita de la aŭtoro, 11 rue Poussin, Paris. Pr. Fr, 2,50;

KATOLIKA PREĜLIBRO de P. M. Prof. Carolfi, Paulus Eldonejo, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo. 160 paĝoj 12 1/2 x 8 1/2 cm. — Prezo : Fr. b, 3,—. Enhavas la diversajn katolikajn preĝojn kaj ampleksan kolekton da himnoj kaj kantikoj. — La libreto estas sur bona papero presita kaj tre zorge eldonita — Laŭ lingva vidpunkto ĝi estas ege rekomendinda, kaj ni ne dubas, ke niaj katolikaj geamikoj uzos tiun preĝlibron, kaj samtempe propagandos per ĝi.

KRISTANA ESPERANTO KANTARETO. — 11 kantoj kun melodionotoj. — Eldoninto . P. Hübner, «Dia Regno» Bergstrasse 1-a, Quedlinburg (Germanujo). 20 paĝoj 16 x 11 cm. Prezo, svisa fr. 0,40;

KIO ESTAS LA BIBLIO? Respondita de Pastro H. Lenk, Esperantigita de la filo de la aŭuoro. Eldonejo: P. Hübner, «Dia Regno», Bergstrasse 1 a Quedlinburg (Germanujo). 52 paĝoj 16,5 x 11,5 cm. Prezo, Sv. fr. 0,40. Detalaj klarigoj pri la Biblio, — La Lingvo uzita estas tre klara kaj bonstila.;

KREMACIO KONTRAŬ ENTERIGADO. — Parolado farita en la kremaciejo de Indianapolis, je la 27a de sept. 1913, kaj en la Instituto de Carnegie, Pitsburgh, je la 13a de dec. 1913 de D-ro Hugo Frichson. Esperantigis D-ro Tobias Sigel. 16 paĝoj 23 x 15,5 cm. — Senpage havebla de la Sekretario de la Kremacia Asocio, S-ro A. T. Roever, 519 Union Central Bldg, Cincinnati, Ohio.

ESPERANTO COMO LINGUA AUXILIAR INTERNACIONAL. — Raporto de la Ligo de Nacioj. — Portugala eldono. — Brazila Ligo Esperantista, Praça 15 de novembre 101, 2° andar, Rio de Janeiro. — 32 paĝoj 23 x 16 cm. Prezo : nemontrita.

GRAMMATICA ELEMENTAR DE ESPERANTO par A. Couto Fernandes e H. Motta Mendes. — Rio de Janeiro, Brazilio — 40 paĝoj 16 x 11 cm. Prezo : nemontrita. Malgranda gramatiko de Esperanto por Portugaloj. La plano estas bona kaj tre certe tiu nova libro helpos multe al la disvastigo de nia lingvo en la portugallingvaj landoj.

F. D.

DEZIRAS KORESPONDI :

(Unu enpreso kostas unu frankon, 2 respondkuponojn)

S-ro Konstantin G. Kostov, telegrafisto, SEVLIEVO (Bulgarujo) : poŝtkartoj ilustr., poŝtmarkoj, papermono, moneroj, pri telegrafaj aferoj.

S-ro Th. Theodoroff, telegrafisto, Pleven (Bulgarujo): poŝtkartoj. Kontaŭ 10 belg. fr. mi sendas rekomendite 100 diversajn bulg. p. markojn. Koresp. angle, france, germane kaj Esperante.

S-ro Vladimir Potmeŝil, librotenisto, Belcrediko tr. 46, Praha VIII, Ĉehoslovakujo): p. k., p. m., pri Esp. movado, naturaj belecoj, sporto, k. c.

S-o P. Czechowski, „Pocisk", Rembertów, Rarsovo, Polujo, deziras korespondi kun instruistoj metiistaj kaj interŝanĝi lernolibrojn por lernejoj metiistaj.

Jenö Rosenberg, Sörhdz u. 64, (Hungarujo).

Stefano Nyiry, Hungaria ut 32 n, Kispest II, (Hungarujo).

J. Polisiakiewicz, Internato, ul. Wolnanska 253, Lodz, (Polujo).

Adolfo Szczerba, Przykopa 13, Cieszyn (Pola Slezio).

Erwin Altenburger, Haydnstr. 10, Salzburg (Austrujo).

Robert Eckert, Stiftgasse 8, Wien VII (Austrujo).

Josef Spruĉannski, oficisto ĉe ŝtata policejo, Jokai str., Komarno (C.sl.)

Wilhelm Dörken, fervojisto, Büderich, (Mörs-Rhein-Germanujo).

Walter Strenger, Metzstr. 48, F. Stuttgart (Germanujo).

Ryozo Sakanoŭe, No 48, 3chôme, -Kitadohori, Edobori, - Nisiku, Osaka, (Japan).

S-ro Alekcej Nikolaeviĉ Jakiŝin, 4 uĉ. Ogorodnaja N. 8, Astrakan (Rusujo).

S-ro Ilario Vàsarhelyi, bank-oficisto, Str. Brantianu, 45, Cluj, (Rumanujo).

S-ro H. T. Gomus Freitas, 2o-Radio, Lobito. Angola (S. W. Afriko).

S-ro Bazilo Averin, 6 uĉ. 3 Bakalda N. 30, Astrakan (Rusujo), petas pri alsendo de novaj modaj ĵurnaloj (viraj kaj virinaj).

S-ro Aleks. Varadi, Gyöngyös (Hungarujo), kun samideanoj, kiuj ankaŭ volus sendi al li unu- aŭ dufoje ĉiusemajne sian legitan francling-van gazeton,